AE100

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero por ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**auto 22/02/2013 Centa Eldono 22/02/2013 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**

Mallongaj Informadoj, Diskutoj, Sugestoj, de vi kaj ni.
Se vi trovas bonan informon, informu Aŭstraliajn Esperantistojn.

**Ni invitas ĉiujn Esperantistojn kontribui al tiu novaĵletero.**
Ni preferas mallongajn leterojn, pri kaj en Esperanto, kun via nomo.
**Vi respondecas pri ĝia enhavo.**



**Pensu!**
**Kritiku!**
**Laŭdu!**
**Skribu!**
**Progresu!**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktisto Roger Springer     Provlegita de Nicole Else**

La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la dekaj eldonoj



# LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena









## Ni celebras la 100an numeron de la Aŭstraliaj Esperantistoj.

La Melburna Esperanto klubo gratulas Roger Springer kaj dankas lin por lia senĉesa laboro publikigi la "Aŭstraliaj Esperantistoj". La movado en Aŭstralio ŝanĝiĝis pro liaj instigoj kaj demandoj.

La gazeto informas nin ĉiujn pri novaĵoj, aktivecoj kaj pri Esperantistoj en nia lando. Refoje, multajn dankojn, Roger.

Heather



Jen estas la centa eldono de la novaĵletero. La Manlianoj volas gratuli Roĝeron pro tia sindonemo al Esperanto, li peze laboras.

Dankon Roĝero,

Chris Holliss Prezidanto, Manlia Esperanta klubo.



Jen mallonga laŭdo pri "Australiaj Esperantistoj":

Ĝi estas bona, eĉ bonega, ĝi estas ĝuste tio, kion ni dum multaj, longaj, eĉ longegaj jaroj bezonis, eĉ bezonegis.

Multan sukceson al la plej bona novaĵletero en Aŭstralio !!!

Plej amike, Bob Felby Adelajdo

## La AEA estraro deziras al Aŭstraliaj Esperantistoj

**FELIĈAN NASKIĜTAGDATREVENON**

Tiu-ĉi numero de AE estas la 100-a kaj la estraro agnoskas la diligentan, daŭran laboron de Roger por AE kaj la Aŭstraliaj esperantistoj.

Kiam ni ricevis la unuan AE la 26-an de septembro 2011, ne multaj de ni kredis ke tiu projekto de Roger havos longan vivdaŭron. Ni malpravis…

Roger ankaŭ donis belegan ekzemplon ke ne sufiĉas nur plendi, kiam la situacio de Esperanto en Aŭstralio ne estas pozitiva. Oni devas fari ion.
Kaj li tutcerte faris.
Intertempe, AE vere estas NIA informbulteno.
Roger, ni kore gratulas kaj deziras al vi sanon kaj energion, por ke vi povu daŭrigi vian belegan projekton.



## Katja Steele komentis kaj intervjuis Roger

Roger Springer: Esperantisto de 1958. Oni konas lin en Aŭstralio kiel kvietan, ĝentilan viron. Dum la Jubilea kongreso de AEA (2011) li havis vundon sur la kapo – ĝi estis spuro de grava operacio. Tiam Roger diris, ke li havas memorproblemojn. Sed evidente la aferoj ĝustiĝis, ĉar baldaŭ ni komencis ricevadi de li preskaŭ ĉiusemajne retleteron. Roger kolektis informojn, instigis, inspiris, sciigis... kaj faras tion jam la centan fojon. Estu ĉi foje li mem la "enhavo" de la novaĵbulteno, kiun li eldonadas kun tiom da sukceso.

Kio estas via profesio?
Laŭ la unua kvalifiko mi estas mapisto. Poste mi akiris ankaŭ diplomon pri publika administrado. Ĝis mia emeritiĝo – mia 55-a naskiĝtago, mi laboris kiel mapisto por la Novsudkimria registaro.
Ĉu via familio iel rilatis al lingvoj, al Esperanto?
Miaj familianoj estas angleparolantaj aŭstralianoj kaj ne interesiĝas pri aliaj lingvoj.
Kial vi lernis Esperanton?
Mi ĉiam kredis, ke la mondo bezonas unu lingvon. Kiam mi estis 26 –jara, iu informis min pri la ekzisto de Esperanto. Ĉar mi vere kredis je la ideo, mi devis subteni ĝin. Mi aĉetis libron kaj lernis la lingvon.
Ĉu vi ĉiam vivis en Sidnejo? Ĉu vi tie aŭ aliloke aktivis?
Mia laboro (registara mapisto) gvidis min al Bathurst kaj mi devis loĝi tie dum 10 jaroj. Tie mi kreis 5-minutajn surbendigitajn Esperanto-lecionojn por la radio. Ili estis elsendataj dufoje semajne dum 10 jaroj. Mi uzis ilin ankaŭ je la manlia komuna radio dum kelkaj jaroj.

Krom Esperanto ĉu vi havis-as aliajn ŝatokupojn? Ni scias ekzemple pri la sakŝalmo ...

Kiel parttempa soldato mi ludis la sakŝalmon dum 63 jaroj por la armeo. Ĝi estis mia plej grava ŝatokupo. Esperanto estis la 2-a. Nun Esperanto estas la unua.

Kiujn landojn vi vizitis kiel esperantisto?

Ĉinion kaj Italion. Mi loĝis en Ĉinio kiel esperantisto kaj kun esperantistoj dum 362 tagoj. Poste 3 monatojn en Italio. Sed mi ne lernis Esperanton por vojaĝi pere de ĝi.

Kiu parto de la Esperanto-vivo estas laŭ vi plej grava aŭ plej interesa?

La bonsento, ke mi agas por solvi tre gravan problemon de la mondo, kaj la eblo paroli alian lingvon.

Laŭ vi kio mankas nun al la aŭstralia movado kaj kion vi konsideras pozitiva?

La Movado estas tro malgranda por fari ĉion. Ĝi devas havi celojn praktikajn kaj ne multajn. Oni ne instruos Esperanton en lernejoj, dum la gepatroj kaj familioj de la lernantoj ne subtenos tian instruon.

Laŭ mi necesas unue subteni la esperantistojn. Devas esti la esperantistoj, kiuj montras ke Esperanto funkcias.

Due ni propagandu/informu, ke ĉiu homo en Aŭstralio sciu, kio estas Esperanto. Nur se tiu scio estos ĝenerala, Esperanto estos inter la elekteblaj lingvoj, kiam oni elektas lingvon por lerni.

Bonvolu rakonti pri tio, kial kaj kiel vi komencis aperigadi vian novaĵleteron – Aŭstraliaj Esperantoj.

1. Mi ne havas bonan memoron por nomoj.
2. Do mi kolektis/as ĉiujn nomlistojn de amikoj.
3. Mi enmetis la nomojn en mian komputilon. Esperantistajn nomojn aparte.
4. Kiam estis problemoj kaj AEA ne informis esperantistojn, mi donis mian liston al AEA kaj aliaj aktivuloj en la aŭstralia Esperanto-movado, proponante uzi la liston por kontakti esperantistojn. Nenio okazis (aŭ oni ne informis min).
5. Nur unu respondis kun informo pri eraroj. La aliaj preskaŭ ignoris la peton. La listo estis malnova, ĉar ĝi estis kompilita el multaj malnovaj listoj. Multajn horojn mi bezonis/as por ĝisdatigi ĝin.

6. Multegaj plendis pri la sekreteco de AEA. Mi timis ke AEA disfalas kaj la mono de bonaj esperantistoj malaperas.
7. Mia kredo estas, ke oni ne plendu sed agu por solvi la problemon. Ne plendu, se vi mem ne estas preta fari pli bone la taskon.
8. Ĉar neniu uzis mian liston, eble pro timo kontraŭagi la leĝon pri privateco, mi mem uzis la liston, kaj la novaĵletero ekestis. En la listo de retadresoj nun estas 206 individuoj kaj 9 organizoj.
9. Unue Ivan Heldzingen estis mia konsilanto, se mi havis dubon pri iu enhavo, antaŭ ol mi enmetis ion, mi demandis lin.
10. Kiel vi scias, Ivan ne plu faras tiun taskon. (Li ree estas en malsanulejo)
11. Kelkaj plendis pri la fuŝa lingvo. Vera Payne sugestis havi provleganton kaj inter aliaj ŝi proponis por tiu tasko Nicole Else.
12. Nicole nun provlegas la novaĵleteron. Kial? Ĉar ŝi estas preta kaj tre kapabla fari la provlegadon.
13. Por esti ĝisdata, mi devas aperigi la novaĵleteron almenaŭ semajne.
14. Ĉiuj povas helpi per leteroj (mallongaj).

Cent eldonoj – grava atingo, utila laboro. Kiel vi vidas la rolon de via novaĵletero?

Ĝi subtenu la esperantan familion en Aŭstralio.
Ĝi ebligu komunikadon inter esperantistoj, malebligu sekretojn kaj malpravajn onidirojn. Ĝi daŭre memorigu la esperantistojn, ke ili ne estas solaj.

Ĉu vi ŝatus ion ŝanĝi, aldoni al la novaĵletero?

Mi ĉiam provas novajn ideojn en la novaĵletero. Kelkajn oni ŝatas kaj ili restas, kaj kelkajn oni ne subtenis kaj ili malaperas.
Kritikoj aŭ laŭdoj gvidas la AEon. Skribu al mi pri viaj ideoj.

Vi kuraciĝis de gravaj sanproblemoj...

Estis kanceroj. Unue oni eltranĉis unu renon (en 2005) kaj en 2008 oni radiis la prostaton. Ambaŭ oni bone kuracis.

Kiaj estas viaj personaj planoj?

Havi kontentigan vivon.



# Roger Springer dankas Nicole Else

Ekde la dua eldono, ŝi sendis informojn por AE.
Ĉiuj sekvantaj eldonoj havis artikolojn senditajn per Nicole. Tio estas grandega helpo ĉar sen novaĵoj la Novaĵletero mortus.
Nun ŝi provlegas la novaĵleterojn.

Ŝi multe plialtigas la valoron de AE, lingve kaj enhave.
Estas ege bone ke Nicole aktive subtenas AEon kaj Esperanton



Multan dankon, Nicole, pro la ligo al la artikolo pri Indrani, kiun vi enmetis en **Aŭstraliaj Esperantistoj** kaj pro via laboro helpi Roger kun la novaĵletero. Viaj kontribuoj certe pligrandigas la valoron de la novaĵletero.
Gerry Phelan



Hura! Hura! Hura pro 100 x AE! Gratulojn kaj dankojn al Roger, Nicole kaj la ceteraj kontribuantoj al nia propra interamika elektronika informilo. Kvankam mi ankoraŭ ne sukcesis fabriki aldonajn horojn por klaki ĉiujn el la multaj allogaĵoj ofertitaj, mi tamen sentas min en daŭra komunikado kun nia aŭstralia esperantistaro. :):) Vera Payne



**Gratulojn** al Roger Springer, fondinto/redaktoro de la mirinda Novaĵa Letero de la *Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj*,kaj al ties bonega provleganto/kontribuanto, Nicole Else, pro la 100a numero de "*AE"* en februaro 2013! Gratulas Max Wearing kaj iama Profesoro pri Juro en Ĉilio, Jorge Galleguillos-Pozo, nun rifuĝinto kaj Direktoro pri "International Consultancy Services" en Aŭstralio. Konata poeto, precipe en la hispana lingvo, li fondis "Australian Multicultural Writers' Association".



Karaj,

Iuj legantoj ne ŝatis la foton kiu enestis sur la unua paĝo de AE99.

Ankaŭ mi unue iom miris pri tiu foto, sed mi ja sekvis la indikitan ligon kaj malkovris ke la retradio havis elsendon nomitan **Flegenduloj meritas privatecon**. Temas pri serioza artikolo pri la bezonoj de handikapitaj personoj en flegejoj kaj la foto estas la foto kiu enestis en la retejo de la retradio. Do evidente estis rilato al la retradio.

Amike, Nicole

Mi ricevis plendojn pri la bikina virina foto en AE99. Ĝi estis reklamo por unu programo de Esperanta Radio. Mia problemo estas ke mi loĝas apud Manlia plaĝo kaj ne vidis la malbonojn de tiu foto. Estonte mi estos pli zorgema. Mi pardonpetas. Roger



Alia plendo--- Vi certiĝu, ke mi ne estas listigita kiel 'ano' de tiu 'Federacio de Aŭstralia Esperantistoj'- ĝi povas esti honorinda organizo, tamen ĝin mi ne konas.

Respondo--mi ne plu uzos tiun titolon. Tiu 'Federacio' neniam ekzistis . Eble nun legantoj ne plu konfuziĝos, Dankon, Roger

(Estis la instigo por ŝanĝi la titolon de AE100+)

**GRAVAJ DATOJ** vidu **Tamen Plu** redaktas Katarina Taggart

Se vi ne ricevas Tamen Plu aŭ 'Aŭstraliaj Esperantistoj', aŭ ricevas dufoje, informu AE.

## Skribu, informu 200 retadresaranojn de AE pri viaj novaĵoj

## Vi apartenas al la Esperanta Familio de Aŭstralio. Komuniku

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

## ALKLAKU la hiperligilojn markitajn tiel




**AŬSKULTU, LEGU ESPERANTAN RETRADION TAGE**

Informaj rakontetoj, Bona lingvo,

http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html



# Esperantaj-RetRadioj. http://esperanto-radio.com/



Inter ili estas la Pola RetRadio, Radio Vatikano, 3ZZZ, Varsovia Vento, Radio Havano Kubo kaj la Kaliningrada E-radio.
Ankaŭ radio Muzaiko

# KLUBNOVAĴO





## Informas la aktivaj kluboj kaj grupoj

La kluboj respondecas pri la ĝisdatigo de la anoncoj

## La kluba listo kreskas





### Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?

Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? (Ankaŭ NZ kluboj ) rspring@tpg.com.au
Ĉu ĉiu en via grupo ricevas la Novaĵleteron?



## 3ZZZ Retradio Melburno

Esperanto-programo estas dissendita de Melburno ĉiun lundon de la 1a ĝis la 2a posttagmeze je 92.3 FM, kiel ero de la multkultura radio 3ZZZ. Por la nemelburnanoj ĝi audeblas per la reto je www.3ZZZ.com.aŭ dum la sekva semajno aŭ iam ajn en la arkivejo www.melburno.org.au dank'al la ligoj de reta radio.

Por ekzisti ĝi bezonas almenaŭ 40 membrojn kaj bezonas arigi ĉiun oktobron $1000. Se vi pensas ke radio estas subteninda ilo por esperantistoj, nepre membriĝu irante al la retejo www.3ZZZ.com.au. La komitato de la Esperanto-radio en 3ZZZ antaŭdankas vin.



## Central Coast Esperanto Club

kunvenas la duan dimanĉon de ĉiu monato 2ptm
Bamboo Buddha Café 221 Wattle Tree Road, Holgate NSW 2250

Amike, Gerry Phelan.



## La Brisbana Esperanto-Societo

kunvenas la kvaran sabaton de la monato. 11atm
www.meetup.com/Brisbane-Esperanto-Society/
Kay Anderson 07 3848 4428



## La Tasmania Esperanta Societo

kunvenas, ĉiun jaŭdon je la Metz trinkejo, Sandy Bay.
Je la 7-a ĝis 8:30 ĉe Metz kaj poste ni kutime kune vespermanĝas...
Roberto Budzul



## La Melburna Esperanto Klubo

kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm
ĉe Ross House, 247 Flinders Lane. (la 4an de marto estos nia jarkunveno)



## Esperanto Kafo Klubo de Kanbero

kunvenas ĉiujn vendredojn je la 5a ptm en Cafe Fontaine kiu troviĝas en la plej supra nivelo de la Canberra Centre.



## La Manlia Esperanto-Klubo.

kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm
Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo
Junaj vizitantoj ĝis 30 jaraj ricevas matenmanĝon (ĝis $15) Dankon al La "Rainer Kurz Stiftung zur Förderung des Esperanto" 16/02/13 Venis kvar Roger, Eŭnice. John, Chris



## Esperanto-Domo Sidnejo

kunvenas la lastan dimanĉon de ĉiu monato 12ptm
Aferkunveno antaŭe je 11atm. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.

Venu dimanĉon la 24an de Februaro



## Torkio Esperanto Kafo Klubo - Viktorio

kunvenas la lastan dimanĉon de ĉiu monato 12ptm
ĉe "La Kafo Klubo" Torquay Centra, (Orienta Fino). 41 Bristol Road,
Antaŭ venanta: Telefonu 03 5261 2899 aŭ Mbl 0421043272
torquayesperantocoffeeclub@gmail.com



## La Adelajda Esperanto-klubo.

kunvenas la unuan merkredon de ĉiu monato en La Box Factory, Regent Street South. Kontakto: Bob Felby (08) 8242 1460.



**Adelajda Esperejo** 81/9 East Tce, ADELAIDE 5000, <mwearing@internode.on.net> tel (08) 8359-3373, estas hejmo de Max kaj Beth Wearing. Tie okazas kunveno ĉiu-sabate (kaj plej ofte ankaŭ vendrede) 10.30 - 12.00h. Vidu, ekzemple, Reunuiĝan Posttagmezon en tiu-ĉi numero de *AE*.

Regule okazas ankaŭ aliaj esperanto-eventoj en la urbocentro de Adelajdo; ekz, jaŭde 10 - 12h ĉe la ŝtat-biblioteko kaj ĉiun unuan merkredon ĉe la skatol-fabriko (18 - 20h).

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

**2012-02-21**

**AEA raportas:**

Nian lastan Skype estrarkunvenon (21/02/2013) ĉeestis Heather, Indrani, Kam Lee, Margaret kaj Sandor.

La ĉefa diskutero estis la
*__Niaj aĵoj__*
Bedaŭrinde niaj aĵoj restos ankoraŭ iomete en Melburno….ĉefe pro la varmeco. Tamen, videblas la lumo je la fino de la tunelo.

***Venonta Kongreso**
Nia venonta kongreso/somerkursaro okazos inter la 3 – 12 de januaro en Kanbero. Huigh Malcolm daŭrigas la serĉadon por taŭga kongresejo.
La NZ kongreso okazos inter la 15 – 21 de januaro 2014 en Aŭklando.
La NZ-anoj proponis ke ni dividu la kostojn de eksterlanda instruisto.
Se vi volas proponi eksterlandan instruiston,….proponu.

*** Kompanio/Asocio**
Ni ŝatas la ideon daŭrigi diskuton en AE pri la (mal)avantaĝoj de ambaŭ modeloj.

*** Nova membroformularo***
Dankon al Heather por la kreado kaj elsendado de la nova membroformularo. Uzu ĝin kaj sendu vian monon al ni.

* **Indonezia Kongreso**
Sandor partoprenos la kongreson inter la 5-a kaj 8-a de aprilo en Bogor. Ni esperas ke ni havos proponon por komuna kongreso/somerkursaro iam en la estonto.
Se iu de vi intencas partopreni, kontaktu nin.

Ni daŭrigas la serĉadon por
* **Du novaj kunlaborantoj en la estraro**
Interesa laboro. Interesaj kolegoj. Interesa lingvo. Pensu pri ĝi kaj alparolu/sciigu nin.

Heather, Indrani, Kam Lee, Margaret, Sandor

Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu oni deziras forgesi?

## Sydney Language Festival 2013



http://esperantowebdesign.com/sydneylanguagefestival/




Bildon trovis Nicole

# La AE informaj kaj nomaj paĝoj sekvas

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| **First name** | **Family Name** | **Dana** | Diggles | **Herve** | Diviciacos | **Kirsi** | Rossi | **Peter** | Danzer |
| **Abid** | Afridi | **Daniel** | Forrest | **Howard** | Gravatt | **Laurie** | Kirwan | **Peter** | Mitchell |
| **Alan** | Bishop | **Daniel** | Kane | **Huigh** | Malcolm | **Leonie** | McGlashan | **Philip** | Nichols |
| **Alan** | Mendelawitz | **Danton** | Black | **Ian** | McArthur | **Lev** | Lafayette | **Philip** | Smart |
| **Alan** | Turvey | **David** | Dalgleish | **Ian** | Green | **Libby** | Farris | **Rainer** | Kurz |
| **Alan** | Collinson | **David** | Kidd | **Ian (Jano)** | Wylles | **Linda** | Fields | **Rees** | Pearse |
| **Alan** | Dean | **David** | Dewar | **Indrani** | Beharry-Lall | **Lucien** | Giloteaux | **Renjo** | Oren |
| **Amy** | Regal | **David** | Ryan | **Ivan** | Pivac | **Luke** | Marsillo | **Richard** | Delamore |
| **Andrew** | Adams | **Dennis** | Murphy | **Jaga** | Oprzedek | **Marc** | Schmidt | **Richard** | Marcus |
| **Andrew** | Lutz | **Dianne** | Lukes | **Jaiden** | Golding | **Marcel** | Leereveld | **Richard** | Penman |
| **Andrew** | Voutsis | **Dianne** | Mitchell | **James** | McElvenny | **Margaret** | Chaldecott | **Robert** | Budzul |
| **Andrew** | Spannenberg | **Dmitri** | Lushnikov | **Jay** | Mooney | **Margaret** | Yue | **Robert** | Hoogenboom |
| **Angela** | Maag | **Dorothy** | Bysouth | **Jennifer** | Birchall | **Margarita** | Pavlova | **Robert (Bob)** | Bain |
| **Anne** | Sanders | **Doug** | Eising | **Jenny** | Bishop | **Maria** | Jojkitty | **Roger** | Hill |
| **Barbra** | Treharne | **Duncan** | McDonald | **Jim** | Radford | **Marika** | Fox | **Roger** | Springer |
| **Barrie** | Cledsmith | **Dzejlana** | Haveric | **Jo** | Turvey | **Marina** | Lobanova | **Ronald** | Gates |
| **Barry** | Healy | **Edith** | Mejia | **Joffre** | Bell | **Marjorie** | Johnson | **Rouan** | van Ryn |
| **Benjamin** | Hook | **Edna** | Watson | **John** | Abood | **Mark** | Pavic | **Sandor** | Horvath |
| **Beth** | Wearing | **Elizabeth (Libl** | Mortimer | **John** | Adams | **Mark** | Smith | **Sandor** | Monostori |
| **Beth Maree** | Shields | **Elrae** | Adams | **John** | Casey | **Martin** | Gray | **Sandra** | Connors |
| **Bettie** | Hart | **Erhard** | Claus | **John** | Fleming | **Marumi** | Smith | **Shane** | Leddin |
| **Blaze** | Doric | **Erin** | McGifford | **John** | Forbes | **Mary** | Mills | **Shayne** | Power |
| **Bob** | Felby | **Esther** | Parris | **John** | Gallagher | **Matthew** | Fitzsimon | **Shirley** | Gradussov |
| **Bradley** | McDonald | **Finnur** | Larusson | **John** | Lang | **Matthew** | Maguire | **Shresta** | Kishor |
| **Brendan** | Linnane | **Franciska** | Toubale | **John** | Massam | **Matthew** | Meldrum | **Sibel** | Lewis |
| **Brian** | Dance | **Fujun** | Xiao | **John** | Garvey | **Max** | Wearing | **Sidney** | Wolfson |
| **Brodie** | May | **Gerry** | Phelan | **Jonathan** | Cooper | **Michael** | Waters | **Stephen** | Landman |
| **Carol** | Lutz | **Giles** | Thomson | **Jonathan** | Moylan | **Mick** | Gallagher | **Stephen** | Pitney |
| **Caroline** | Turner | **Glyn** | Truscott | **Jorge** | Gallegillos-Pozo | **Mike** | Taggart | **Svetislav** | Kanachki |
| **Catherine** | Chen | **Gordon** | Coleman | **Kam** | Lee | **Miranda** | Lutz | **Szymon** | Gryg |
| **Chan** | SY | **Grace** | Alvarez | **Karin** | unknown | **Nancy** | Roy | **Terry** | Manley |
| **Charles** | Stevenson | **Graham** | Fennell | **Katarina** | Taggart | **Nicole** | Else | **Thomas** | O'Gliasain |
| **Cho** | Kyung-Mi | **Gregg** | Libby | **Katja** | Steele | **Owen** | Loneragan | **Tim** | Stackpool |
| **Chris** | Morrow | **Gus** | Faith | **Kay** | Andersen | **Pamela** | Fenton | **Tim** | Warren |
| **Chris** | Kragelolh | **Hazel** | Green | **Kehui** | Bao | **Patricia** | Palmer | **Todd** | Herbert |
| **Christine** | Holliss | **Heather** | Furby | **Keith** | Bowling | **Patrick (Liz** | Zhang | **Trevor** | Steele |
| **Claudia** | Layton??? | **Heather** | Heldzingen | **Ken** | Rolls | **Paul** | Desailly | **Trish** | O'Connor |
| **Clivia** | Frieden | **Helen** | Webb | **Kep** | Enderby | **Paul** | Gorny | **Vera** | Payne |
| **Colin** | Robinson | **Helen** | Palmer | **Kerry** | Robson | **Paul** | Green | **Vicky** | Crickett |
| **Crystal** | Hill | **Henriette** | Vanechop | **Kevin** | Warburton | **Penny** | Vos | **Volo** | Guelting |
| **Dale** | McManus | **Henry** | Broadbent | **Kiah** | Morante | **Peter** | Bird | **Yaw** | Badu |
| | | | | | | **Yvonne** | Harvey | **Yvan** | Serve |

# Individuaj ricevantoj de Esperantaj elsendaĵoj per la reto kaj listigitaj en la adresaro de Aŭstraliaj Esperantistoj.

La noma listo de "Aŭstraliaj Esperantistoj" havas homojn kun konata nomo kaj retadreso.

Se vi deziras ke via nomo estu sur tiu listo de ricevantoj, abonu! rspring@tpg.com.au

Se vi deziras ke via nomo ne estu sur tiu listo de ricevantoj, malabonu!

Se vi deziras ke nomo de familiano estu sur tiu listo de ricevantoj, informu min.

Mi povas krome plusendi mesaĝon al individuo kiu estas en la supra listo.

Mi ne donas adresojn al petantoj.

Viaj leteroj al AE, devas montri vian nomon kaj se vi deziras, retadreson se vi akceptas, ke ĝi estu montrata post via letero.
Mi ne aldonas iun ajn retadresojn se la skribanto ne mem faras tion.

Ĉu vi ŝanĝos vian retadreson? Informu min. rspring@tpg.com.au;

La adresaro de "Aŭstraliaj Esperantistoj" estas uzata krome por sendi Tamen Plu, Telepeon, urĝajn anoncojn kaj se vi deziras, vian bonan ret-gazeton al ĉiuj homoj listigitaj en la adresaro de Aŭstraliaj Esperantistoj.

La ‚Aŭstraliaj Esperantistoj' (AE) publikigas vidpunktojn en Esperanto, sendepende ĉu vi estas membro de kluboj aŭ asocioj.
Skribu al ĉirkaŭ 200 legantoj, en Esperanto mi petas.

La Novaĵletero Aŭstraliaj Esperantistoj estas elsendata almenaŭ unufoje semajne

La novaĵletero 'Aŭstraliaj Esperantistoj' subtenas liberan sinesprimon kaj honestajn kaj senkaŝajn artikolojn. Sed ni rezervas la rajton modifi aŭ forigi viajn komentojn se ni konsideras ilin esti ofendaj aŭ tro malrespektaj. Ni nun provlegas ankaŭ la leterojn kaj korektas la mistajpojn kaj gramatikajn erarojn.

Se oni prokrastas ĝis perfekto, oni faras nenion, ĉar la morto atendas vin.
Ne Ĉagreniĝu! sed Parolu!, Skribu!,

## Interesaj faktoj

Mezura sistemo havas metran logikan facilan sistemon ekde 1795.
Lingvoj havas logikan facilan Esperanton ekde 1887.

Muziko havas bekflutojn (school recorders) por instigi studentojn lerni pri muziko.
Lingvoj havas Esperanton por instigi studentojn lerni pri lingvoj.

Esperanto estas la 27a lingvo en la listo de lingvoj laŭ nombro de artikoloj en Vikipedio (entute 285 lingvoj estas uzataj tie).

Senpaga Freelang vortaro estas tre uzinda kiam vi skribas, legas per komputilo Plena Ilustrita Vortaro (PIV) estas surrete. http://vortaro.net/

**Uzu Esperantajn literojn Por vindozaj komputiloj. Ek!** aŭ Tajpi

La epoŝta programo "*gmail*" de Google transsendas la esperantajn literojn tute bone

La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ 5 minutan aŭskult/legon tage.

Nun vi povas lerni ankaŭ Esperanton per **lingibli.** http://eo.lingibli.com/

Kurso de **Esperanto** - Main page http://www.kurso.com.br/index.php?en

**lernu**! - Learn **Esperanto** online. Live tutors, dictionary, books & music **lernu**.*net/*

**Rekomendata Legado**
"*Mirmekobo*," de Donald Broadribb www.gazetejo.org/eo/mirmekobo
"Tamen Plu" de Bob Felby Ni sendos kopion al niaj konataj retadresoj
"Telopeo" de EFNSK Ni sendos kopion al niaj konataj retadresoj
"Esperanto sub la Suda Kruco" AEA www.esperanto.org.au
info@esperanto.org.au
Via kluba Novaĵletero? Laŭ peto, ni sendos retkopion al niaj konataj retadresoj
la Esperanta Retradio retpaĝo por aŭskulti kaj legi Esperanton
http://ckuik.com/Esperanto Eniro je Multegaj Esperantaj videoj de Jutubo
http://www.bookbox.com/ La rakontoj estas laŭtlegataj de diversaj personoj

**LA ESPERO** Esperanta himno Bona por kunvenoj

Esperanta kunkanto (Karaoke) kun A-cappella Ĥoruso

La gastĉambro de EFNSK devas esti antaŭmendita per estontaj gastoj. Neniuj Esperantistoj loĝas tie aŭ proksime por helpi gastojn, kiuj ne antaŭmendis. Se eble antaŭmendu almenaŭ 2 semajnon antaŭe. Tio helpas nin prepari la ĝastĉambron.

**Skajp-anoj, metu vian adreson ĉi tie.** Skype name Mary Grace Mills (Orange NSK)






